„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.**

**4a jaro. No. 10** **Monata** **Oktobro 1927**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.30, germanlandanoj RM 3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Esperanto in den Schulen des Saargebietes.

Regierungskommission des Saargebietes
Abteilung für Kultus und Unterricht
J. Nr. II-990/27.

Saarbrücken, den 18. Juli 1927.

Wir genehmigen, daß an den höheren und mittleren Schulen Esperanto als wahlfreies Unterrichtsfach eingeführt wird. Wo geeignete Lehrer vorhanden sind, kann die Einführung noch im laufenden Schuljahre erfolgen. Es wäre ein Jahreskurs mit zwei Wochenstunden in einer Klasse der Mittelstufe (etwa Untersekunda) vorzusehen. Für später ist ein Ausbildungskurs für Lehrer beabsichtigt.

gez. Dr. Colling.

An die Herren Direktoren der höheren Schulen; die Herren Rektoren der Mittelschulen, und an die Herren Vorsitzenden der Schulausschüsse.

## Esperanto im Welttheater Paris 1928.

Der Vorsitzende der Intern. Union der Bühnerangehörigen Gustav Rickelt gab in einem Schreiben an den E.-Weltkongreß in Danzig bekannt, daß über seinen Vorschlag der Direktor des Welttheaters Firmin Gemier zugestimmt hat, anläßlich der 1928 in Paris stattfindenden Welttheater-Festspiele ein klassisches oder modernes Stück von Schauspielern verschiedenster Nationen in Esperanto aufzuführen. Gemier — so wird mitgeteilt — ist von der Idee ganz entzückt. Die Anregungen zu dieser bedeutsamen Aufführung wurden von der Vortragskünstlerin Frau Edith Hernstadt-Öttingen und Direktor Flattauer-Berlin gegeben.

## Aus aller Welt.

Radio-Zürich hat nun auch mit Esp.-Sendungen begonnen. Jeden Freitag 19·50 h.

Die Radiostation 4 QG, Brisbane, Queensland, Australien, hat nun ebenfalls Esperanto in ihr Programm aufgenommen. Vorerst erfolgen 6 Vorträge in Esperanto, ein Esp.-Kurs soll folgen.

Von der mächtigen Station 2 YA, Wellington, Neu-Seeland, Australien, wird ein Esp.-Kurs in 20 Lektionen gesendet. (Suda Kruco-Melbourne.)

Die Postverwaltung der Sowjetregierung hat anläßlich des Esp.-Jubiläumskongresses in Danzig eigene Briefmarken mit dem Bildnis Dr. Zamenhofs, des Erdenkers der Welthilfssprache Esperanto, herausgegeben.

An der Pharmazeutischen Fakultät der Universität Tokio wird Esperanto gelehrt. 300 Hörer. (Esp. en Nipponlando-Tokio.)

Ein Gewerkschaftsführer über E.: „Mehrt Euer Rüstzeug zur Führung des intern. Kampfes durch Verbesserung der Kenntnisse über die sozialen Bedingungen, widmet Euch unermüdlich Euren Organisationen, aber lernt auch Esperanto und fördert den Gebrauch dieser Hilfssprache.“

Nathans
Vors. d. Transportarbeiter-Internationale.

Der intern. Gewerkschaftskongreß (Paris, 1.—6. August) hat den Beschluß gefaßt, den Int. Gewerkschaftsbund zu ersuchen, daß er durch eine eigene Kommission eine Enquete darüber veranstalte, inwiefern die Verwendung des Esperanto in der int. fachgewerkschaftlichen Bewegung möglich und wünschenswert ist. Der Bericht hierüber wäre im Jahre 1928 zu veröffentlichen, damit der nächste Kongreß eventuell die nötigen Vorbereitungen zur Einführung des Esperanto veranlassen könne.

Im Rahmen des XIII. Intern. Stenographen-Kongresses in Brüssel (4. bis 8. August) fand die Generalversammlung der Intern. Vereinigung der Esperanto-Stenographisten statt. In der gleichzeitig vom Kgl. Belgischen Stenographie-Institut veranstalteten Ausstellung erhielt die Int. Verein. d. Esp.-Stenographisten die Goldene Medaille. Im Wettschreiben der Esperanto-Stenographisten erhielt Herr Hendriox mit 140 Silben (System Groote) den ersten Preis.

(Int. Stenografisto, Issy, Frankreich.)

## Nia Jubilea Kongreso.

(Fino.)

### III. Somera Universitato.

La belega aŭlo en la T e k n i k a Altlernejo estis inda kadro por la malfermo de S. U. (29. julio, je la 10a). Post salutaj vortoj de prez. A e l t e r m a n n ekparolis la prorektoro de la Teknika Altlernejo prof. Kloeppel, esprimante sian ĝojon pri la granda frekvento, kiu antaŭvidigas bonegan sukceson de la tuta aranĝo. „Per subigo de la aero helpe de Radio kaj flugmaŝinoj distancoj teknike ne plu ekzistas. Se E. sukcesus venki ankaŭ la barojn al interna kompreniĝo inter la homoj, tio estos certe eksterordinara progreso por la tuta homaro.“ S-ro Kreuz esp.-igis la paroladon.

**Sekr. reg.-kons. prof. d-ro Schmidt-Potsdam** (Universitato de Berlin) pro ĉeesto de gastoj diris germane, ke Zamenhof ekkonis, ke la kreo de radikaro kaj gramatiko ne estas jam lingvo preta kaj vivanta. Tia ĝi estiĝu per praktika uzado kaj evoluo de la literaturo. Poste la parolanto priparolis la prezentadon de Ifigenio (Dresden 1908), por pruvi kiel ĝuste en tio montriĝis, ke per Esperanto povas esprimiĝi ankaŭ plej profundaj homaj sentoj. La impona impreso, kiun ricevis la reprezentantoj de 34 nacioj de tiu majstroverko, pli valoras ol ĉiuj duboj, kiujn esprimis kelkaj kontraŭ la tradukebleco de Goethe en artefaritan lingvon. „Al Zamenhof la tuta homaro iam starigos templojn!“

Sekvis jenaj prelegoj:

**Poŝtkons. Behrendt** (Poŝtministerio Berlin) pri „Longdistancaj kabloj, ilia teknika fundamento kaj intern. valoro ekonomia“. Li klarigas la maloportunaĵojn, kiuj devenas el la fakto, ke superteraj linioj estas elmetataj al multaj pertuboj. La invento de Pupin ebligis pligrandigi la distancon de telefona interkomprenebleco, sed tiaj superteraj linioj estas speciale sentemaj kontraŭ izolado. Teknikaj konsideroj devigis al ekuzo de kablo, kiu naskis aliajn malfacilaĵojn. La preleganto klarigis la rimedojn, por forigi tiujn, kaj montris kelkajn lumbildojn por ilustri la necesan ekuzon de kablo anstataŭ supertera linio.

**D-ro Vogt (Stuttgart)** pri „Unuecigo de la monsistemoj“ klarigas la teorion pri enkonduko de papermonsistemo, kiu estu bazota sur la posedaĵoj de la tuta popolo, inkluzive tiuj de l' ŝtato, kaj estu garantiota de la lasta mem. Tre grava estas por tio la kultura situacio de l' koncerna popolo, ĝia laboremo kaj vivenergio. Li skizas vicon da fundamentaj principoj, laŭ kiuj tia sistemo estu konstruota kaj mencias kiel unuan, ke papermono nur estu eldonota de l' ŝtato mem kaj nur kontraŭ plenvaloraj ekvivalentoj en formo de varoj, servoj ktp.

30. julio:

**Sekr. reg.-kons. prof. d-ro Schmidt-Potsdam** en sia temo „Unuecigo kaj normigo de termagneta scienco“ priparolis la unuajn observojn pri termagnetismo elirante de la fundamenta libro de l' angla kuracisto Gilbert, kiu konkludis laŭ la observoj de deklinacio kaj inklinacio, ke la tero mem estas granda magneto. La preleganto raportas poste pri la mezurmetodoj por la magnetaj fortoj, nome per osciladoj de magnetetoj, kaj montras, ke oni per tio povas kompari la fortojn en diversaj lokoj de la mondo, kiom longe tiuj ĉi helpmagnetoj restas senŝanĝaj. Do, ĉar tio ne okazas daŭre, ekestis la problemo, sendependigi sin de ĉi tiuj ŝanĝoj.

**Poŝtkons. Behrendt** en la dua prelego traktis la intern. ekonomian valoron de longdistancaj kabloj. Tiuj ĉi faciligas interkomunikiĝon de lando al lando; la fabrikanto sekve povas havigi krudmaterialon el tiu loko kaj je tiu tempo, kiam la aĉeto estas plej oportuna. Fabrikado povas esti instalata tie, kie krudmaterialo estas havebla. Malplikosta fabrikado malplikostigas la pretajn objektojn, sekve komercado plivigliĝas pro pli granda konsumo. — La longdistancaj kabloj kune kun Radio ebligas partoprenon en kunvenoj, kiuj okazas en diversaj lokoj; ĉar per laŭtparoliloj oni povas atingi la ĉeestantaron en salon-

ego, longdistancaj kabloj permesas interligi la salonojn, do la aŭskultantaro kreskas ĝis senfino.

**D-ro Vogt** (2. prel.) montras vojon pri internacia Clearing, kiu samtempe funkciu por la distribuado de la monsumoj, kiuj estas nebezonataj en kelkaj landoj kaj bezonataj en aliaj.

1. aŭgusto:

**Sekr.reg.-kons.prof. d-ro Schmidt** (2. prel.) klarigas en matematika formo precipe la metodon de Gauss por la solvo de ĉi tiu problemo; metodo ĝis nun ĝenerale aplikata. Li plue montras, ke Gauss plivastigis la fundamentan penson al ĉiuj fizikaj mezuroj kaj per tio estiĝis la kreinto de la absolutaj mezuraj unuoj, kio estas la unua kaj certe plej bona ekzemplo de „Unuecigo“.

**D-ro Odo Bujwid, iama rektoro kaj prof. de la Jagellona Univers. Kraków**, prelegas pri „Unuecigo en kampo de higieno kaj profilakto“. Estas kelkaj malsanoj, kiujn ĉiuj nacioj kaj societoj devas kune kaj komune kontraŭbatali. Tuberkulozo, seksaj malsanoj, malsanoj de infanoj arte nutritaj, epidemioj, kiel tifo, ĥolero, pesto ktp. Krome estas menciindaj malario, flava febro, kelkaj tropikaj malsanoj, kiel ekz. ankilostomiaso. Kvar kvinonoj de la homoj en tropikaj zonoj suferas je ĉi tiu malsano kaj pro tio ne povas labori. Oni povas diri, ke la kulturo kaj civilizacio de Eŭropo estas tiel alta, ĉar ĉi tiu malsano en Eŭropo ne ekzistas kaj nur pro tio, ĉar la vermo, kiu kaŭzas la malsanon, ne postdaŭras froston. — Ligo de Nacioj penas fari unuecigon en la kontraŭbatalado de ĉi tiuj malsanoj, kreis pro tio apartan „Sekcion sanigan“ kaj instalas ŝtatajn higienajn centrojn kun higienaj institutoj, kiel en Warszawa, Zagreb ktp. En ĉi tiuj institutoj oni klopodas kompletigi la restintajn mankojn en praktika higiena instruado ĉe la universitatoj, kiuj ofte laboras science sed ne praktike. Kun helpo de kelkaj noblaj homoj (ekz. Rockefeller) L. d. N. aranĝas vizitadojn ĉe konataj higienaj instalaĵoj (akvokondukiloj, domkanaloj) en diversaj ŝtatoj kaj urboj, en kiuj partoprenas diversnaciaj higienistoj. De tempo al tempo oni aranĝas en diversaj urboj kunvenojn pro la sama celo; sed estas granda melhelpaĵo. Oni senutile perdas tempon pro la traduko el la diversaj lingvoj en la kongresan, kiun tre ofte ankaŭ multaj ne komprenas. Pro tio la higienistoj lernu E.-on kaj uzu ĝin kiel kongreslingvon.

**C. C. Tarelli, Laboroficejo de L. d. N.-Genève**, en sia temo „Unuecigo en la laborleĝaro“ pritraktas la motivojn, kiuj kondukis al unuecigo, precipe por forigi la konkurencon inter la ŝtatoj, kiu ekestas el la malegaleco de la laborkondiĉoj diverslandaj. Aliaj motivoj estas: La sento de solidareco ĉe la laborista klaso diverslanda, la socia konscienco de aliaj klasoj kaj la homarana sento. La preleganto skizis la historion de la klopodoj en tiu direkto depost la tempo de Robert Owen (1818) ĝis la milito, poste la konstitucion de la Int. Labor-oficejo, kreita laŭ la packontrakto de Versailles, kaj ĝian historion, komencante de la kunsido en Washington 1919. Li priskribis la ĝeneralajn liniojn de la konvencioj, akceptitaj de la konferenco kaj poste konfirmitaj, diskutis la kaŭzojn de la konfirm-prokrasto, precipe flanke de la grandaj industriaj ŝtatoj (ekz. Britlando, Germanlando) kaj montras, ke malgraŭ tio granda progreso estas jam farita kaj ke la decidoj de la konferenco tre influas la leĝfaradon en multaj landoj. Tio nur estas ebla, ĉar intern. koncerna institucio ekzistas, la Int. Laboroficejo.

2. aŭgusto:

**Univ.-prof. d-ro Asada-Nagasaki (Japanujo)** parolis pri la stato de la juĝeja medicino en Japanlando. Antaŭ 40 jaroj la juĝeja medicino troviĝis tute en la manoj de juĝistoj, kiuj aplikadis ĥinajn leĝojn. Post ĉi tiu epoko, kiun la preleganto nomas „malluma“, ekzistis „kreanta“ periodo iniciita de Katajama, la disĉiplo de prof. Hoffmann en Wien kaj de d-roj Okajama kaj Mita, disĉiploj de prof. Kratter en Graz. De la

lastaj japanaj professoroj la preleganto mem estis disĉiplo. En Japanujo troviĝas nuntempe 6 ŝtataj kaj 7 privataj medicinaj fakultatoj. Se la japanaj juĝistoj ne scipovas juĝi, en tiaj okazoj ili altiras la jurmedicinajn fakulojn. Pro tio — precipe en la lastaj 5 jaroj — la jurmedicinaj kuracistoj havas sufiĉan tempon, okupiĝi pri precizaj sciencaj laboroj. — Fine li prezentas tri laborojn sciencajn de siaj kunhelpantoj: 1. Pri la mikroskopa konstruo de la naturlasita kaj tranĉadata kap-haro kaj pri ŝanĝiĝoj, kiuj en ĝi estas observataj ĉe ambaŭ seksoj dum la evoluado; 2. pri la polvo kuŝanta sur la vestoj, manoj kaj vizaĝo, kiuj ebligas ekz. la konstaton, ke la krimulo ŝanĝis sian veston; 3. laboro estas farita en 5 tute izolaj japanaj vilaĝoj, kiu ebligos venontatempe, konstati la patrecon daktiloskope. — Fine li akcentas, ke nur per E. estas eble al la japanaj scienculoj, esti en necesa kontakto kun la alia scienca mondo.

## La Postkongresoj.

La 4. IX. la kongresanoj forlasis Danzig kaj prksm. 300 veturis al Warszawa, por pilgrimi al la tombo de l' majstro. Pola registaro helpis al bona sukceso per senpaga vizo kaj alta rabato sur fervojo. En la stacidomo ni estis salutataj de l' reprezentanto de l' ministro por ekstero kaj nia E.-poeto Leo Belmont. Poste — estis vespere la 21 h — ni veturis al niaj loĝejoj.

Vendrede, la 5., soleno ĉe la tombo de Zamenhof. Ĉi tiuj du horoj restos neforgeseblaj al ĉiuj ĉeestantoj. Parolis ĉe la tombo d-ro Klimecki nome de l' ministerio por ekstero en bona E., sekvis Pyke-Melbourne (Aŭstralio) en la nomo de la „Komitato por starigo de la monumento", Warden nome de l' XIX. (belega florkrono), s-ino Privat intertempe metas florojn sur la apudan tombon de s-ino Zamenhof. La horo nun ekkantas la himnon. Plue parolis nome de urbo Warszawa vicurbestro inĝ. Rogowicz, por la hebrea komunumo vicprez. Feldstein en antikve-hebrea lingvo (ambaŭ trad. Wiesenfeld), Boutwood (Anglujo), Steiner (Aŭstrio), Triĉkov (Bulgarujo), Setälä (Finnlando), Krysta (Ĉehoslovakio), Delanoue (Franclando), s-ino Blicher (Danujo), s-ino Herrnstadt-Oettingen (Germanlando), Pino (Hispanujo), Mangada (hisp. registaro), d-ro Dreher (hebree kaj E.-lingve), Balkanyi (Hungarujo), Canuto (Italujo), Ossaka (Japanujo), Onnen (Nederlando), f-ino Ginbert (Skotlando), Drezen (Sovetunio), Friedländer (Sudslavio), Nylen (Svedujo), d-ro Spielmann (Svislando), Hamann (Usono), d-ro Bujwid (Pola E.-Delegitaro). Fine la elokventa oratoro, same freŝe kiel mi aŭdis lin antaŭ 15 jaroj en Krakow, Leo Belmont salutas la ĉeestantojn nome de tuta Polujo.

Kun la „Espero" la ceremonio finiĝis kaj ni eniris la antaŭ la tombejo atendantajn, bele dekoritajn tramvagonojn, kiuj nin senpage kondukis sur kurba vojo tra la bela urbo, por montri al ni la vidindaĵojn, al monumento de Mickiewicz, la glora poeto pola. Tie d-ro Privat belege parolis. Poste denove per niaj tramvagonoj al komuna tagmanĝo, fama restoracio Gastronomia, kiun ni sufiĉe malsataj atingis post unuhora rondveturado. La manĝo estis bona, sed tro longdaŭra (2 horojn).

Je la 17 h. la Ferma Kunsido de la kongreso en la belega konsilejo de la urba konsilantaro. Prez. d-ro Bujwid proponas saluttelegramojn al prez de la pola respubliko kaj al ministra prez. Pilsudski kaj transdonas la prezidantecon al d-ro Privat.

La unua parolas d-ro Leono Zamenhof nome de la familio.

La urbestro de Warszawa inĝ. Slominski salutas en la nomo de la urbo kaj finas per „Vivu Esperanto" (trad. Lydia Zamenhof).

D-ro Privat belege parolis pri d-ro Zamenhof kaj lia vivo kaj esperas, ke „ulica Dzika" baldaŭ nomiĝu „Zamenhof-a" (trad. Leo Belmont en polan). D-ro Privat pri situacio de UEA. petas subtenon „UEA. devas vivi!"

Fine parolas urbestro Lindhagen el Stockholm.

Vespere en Dolina Szwajcarska

bonega koncerto kun pola muziko kaj la E.-himno.

Sabate katolika diservo (11 h) por memoro de Antoni Grabowski en preĝejo apud Mickiewicz-monumento. Poste gvidadoj tra la urbo. Parto forveturis al Bialystock, parto hejmen.

Grandan dankon meritas la komitato, kiu aranĝis la postkongreson, speciale ges-roj Essigmann, kiuj senlace ankaŭ dum la XIX-a laboris por bona sukceso. Tiun ili ankaŭ havis!

### Bialystock.

170 personoj veturis al la naskiĝurbo de l' Majstro, por ĉeesti la malkovron de memortabulo. Post la soleno, kiun ĉeestis preskaŭ la tuta urbo, komuna tagmanĝo, poste solena kunsido en salono de la Vojevoda Palaco. Prezidis Ŝapiro en ĉeesto de l' urba prezidanto kaj hebrea komunumestro. Balkanyi deklamis poemon de Kalocsay pri Zamenhof. Kreuz parolis nome de ICK, poste Felix Zamenhof kaj vicprezidanto de urbo Bialystock. Vespere post komuna vespermanĝo balo!

Gratulon al s-ro Ŝapiro kaj liaj helpintoj!

---

**Unua Latvia E.-Kongreso** okazos 30. kaj 31. oktobro en Riga.

La aŭstria esp.-istaro salutas la kongreson plej kore kaj deziras plenan sukceson.

---

## Esp. ĉe la Wien-a Polico.

Kiel konate portas policistoj en Wien sur la maldekstra brustflanko ŝildeton kun la surskribo „Esperanto“ kaj la verda stelo.

Komence de ĉi tiu monato Esperanto estas enkondukita kiel nedeviga fako en la horaron de la lernejtaĉmento de Wien-a Polico, III. Marokkanerg. 4 kaj ĉefinspektoro Steiner estas instalita de la polica direkcio kiel instruisto.

Per ĉi tiu ege laŭdinda kaj imitinda ago de policprezidanto Schober, jam en la tuta mondo fame konata ankaŭ pro sia subteno de nia movado, la policistoj dum sia eduktempo jam ricevis oficiale la okazon, lerni Esp.-on kaj post forlaso de la lernejo dejori kiel lingvospertaj esp.-istoj. Centra inspektoro d-ro Losik kaj polica konsil. Buchsbaum iniciatis la oficialan enkondukon de E. kaj laŭ la klopodoj de la lasta, la ĉefo de la lernejtaĉmento, sin anoncis lernantoj por 3 kursoj.

Ĉi tiu grava nova sukceso ĉe la Wien-a policistaro influu ankaŭ la aliajn oficialajn estrarojn, por ke ili imitu la modelan ekzemplon de la Wien-a policprezidanto kaj ties kunlaborantoj.

---

## Esp. ĉe la Salzburg-a polico.

La Salzburg-aj samideanoj-policistoj nun ankaŭ portas la ŝildeton kun „Esperanto“ kaj la stelo laŭ la Wien-a modelo.

Policdirektoro Steinhäusel, favora jam de longe al E., enkondukis ĝin.

Imitu la aliaj!

---

## Esp. ĉe popolkleriga unuiĝo - Wien.

La prezidanto de tiu grava societo laŭ sia intenco jam esprimita ĉe nia landa kongreso iniciatis tie Esperanto-kurson, kiu okazas en la reallernejo, V., Reinprechtsdorferstr. 24. Instalita gvidanto: dir. Walter Smital.

---

## Esperanto ĉe „Graz-a Foiro“.

En la ĉijara aranĝo (3.—11. sept.) la Esp.-Soc. por Stirio, Loka Grupo Graz sukcesis instali E.-ekspozon en la ĉefa salonego, kojo n-ro 18 (6 m kun tri vandoj po 2:3 m).

En facile resumebla maniero la materialo estis prezentata laŭ jenaj grupoj: „E. la plej malmultekosta reklamilo“, „E.-gazetaro“, „E. en komerco“, „Infanhelpo 1920 per E.: 300 stiriaj infanoj al Hispanujo“, „E. kaj Radio“ kaj precipe aktuala „E. servanta al germana rajto“.

La aranĝintoj, niaj Wilibald Rogler kaj Rolf Hallamayer, senegoisme la tutan tempon dejoris tie, konvinkis multajn skeptikulojn kaj disdonadis pli ol 10.000 flugfoliojn.

Rezulto: Granda nombro de kursanoncoj.

Pro la peraga subteno ni publike dankas al la **nova** direkcio de Graz-a Foiro, kiu **senpage** disponigis al ni la

kojon kaj pruvis per tio sian ekkonon pri la graveco de E. por la mondkomerco.

E.-Societo por Stirio, grupo Graz.

Die Vertreterschaft der Esp.-Vereine Österreichs spricht der Leitung der Grazer Messe hiermit öffentlich ihren Dank für die werktätige Unterstützung des Grazer Vereines aus.

Mit Befriedigung wird auch die Esperantistenschaft des Auslandes aus obigen Zeilen zur Kenntnis nehmen, daß nun auch die Grazer Messe dem Beispiel der großen internationalen Messen gefolgt ist.

Der Vorsitzende: Steiner.

## Honorigo de Esperanto en Linz.

Ĉiujare jam de jarcentoj okazas en Linz t. n. „Volksfest" (popolfesto), kiu daŭras du semajnojn kaj konsistas el ekspozo kaj multaj aliaj aranĝoj kaj amuzoj. (Ĉijare 3.—18. sept.)

La Supra-Aŭstria E.-Delegitaro en Linz sukcesis, ricevi de la festestraro senpagan kojon en la ekspozejo kaj ili bonege uzis tiun, aranĝis belan E.-ekspozon kaj disdonis multajn flugfoliojn. La sukceso estis kontentiga kaj la E.-ekspozo estas distingita per unuaklasa diplomo. Ĉiuj gazetoj en Linz raportis pri tio kaj kaŭzis per tio, ke ankaŭ kontraŭuloj de nia movado vizitis la ekspozon multnombre.

Supra-Aŭstria E.-societo neŭtrala, Linz.

Der Leitung des Volksfestes in Linz sagen wir hiermit öffentlich unseren besten Dank für die Unterstützung unserer Bewegung.

Mit Genugtuung haben wir Kenntnis genommen von der Verleihung eines Ehrendiploms an die Esperanto-Ausstellung. Wir werden nicht verfehlen, dies in unseren Zeitungen des Auslandes bekanntzugeben.

Der Vorsitzende der Vertreterschaft der Esp.-Vereine Österreichs: Steiner.

Dankon al la meritplenaj kaj senlacaj samideanoj en Graz kaj Linz. A. E. D.

---

**Radio-Zürich** nun ankaŭ enkondukis E.-on. Danku al ĝi per karto en E.! Grava afero!

## Radio-Wien.

**„E.-propagando por Aŭstrio"** estas la nova titolo de la konstantaj E.-sendaĵoj, kiuj de nun okazos ĵaŭde je la 18·45 h ĝis la 19 h.

## „Die Frau von heute" en Bratislava.

La duan ekskurson, kiun aranĝis „Frau von heute" la 25. sept. per ŝipo al Bratislava partpoprenis preskaŭ 500 personoj. Ĉe la elŝipiĝejo akcepto per la urbestro kaj multnombro el la loĝantaro, inter ili la esp.-istoj kun flago. Post vizitado de la urbo kaj bona tagmanĝo la Wien-anoj ĉeestis prezentadon en la granda urbteatro. Oni prezentis baledon „Copelia" de Dèlibes; sekvis melodramo „La ruĝa ridado" de Robitschek, esp.-igita de Valiček, bone kaj lerte ludita de Herold Kessik-Bratislava. Poste AED.-prezidanto Steiner dankesprimis el la loĝio de l' urbestro pro la honorigo de la esp.-istoj per prezentado de la melodramo en Esperanto. Anstataŭante la urbestron dankis urba kons. d-ro Sipoŝ al la antaŭparolinto certigante subtenon al E. flanke de la urbestraro. Fine oni ludis la baledon „De Fabelo al fabelo", kiun la komponisto Nedbal persone direktis. Je la 9 h vespere la Wienanoj estis ree en Wien tre kontentaj pri la bela ekskurso kaj dankaj al la komitato pri la bona aranĝo, al kies plena sukceso R. M. Frey plejmulte kunhelpis.

## Amerika Asocio por Internacia Helplingvo. (I. A. L. A.)

S-ino Alice V. Morris, honora sekretariino de IALA kaj prezidantino de ties komitato por kunlabora servo kaj esploro, donas al ni en sia raporto, donacita en Danzig al la gekongresanoj — 11 paĝa broŝuro — rigardon en la agadon de IALA, celanta la starigon de unu helplingvo, instruota en edukaj kaj instruaj institutoj en ĉiu lando.

Interkonsente laborante kun prof. d-ro Bovet IALA opinias nuntempe E-on la

plej praktika el la helplingvoj por eksperimentaj kursoj al junuloj, 8—18 jaraj. Dankon al s-ino Morris pro ŝiaj klopodoj pri enkonduko de Esperanto.

La raporto estas havebla ĉe Int. Auxiliary Language Association, 525 West 120 th str., New York.

## La nova ĉefdelegito de U. E. A.

por la teritorio Aŭstrio estas E. G. Bernfeld, Wien, II., Czerninpl. 5/14.

**Gerlands Beiträge** zur Geophysik, Band XVII, Heft 2. 1927, enhavas recenzon en germana lingvo pri la verko de W. Oishi „Raporto de la Aerologia Observatorio Tateno apud Tutiura, Japanujo" el la plumo de kortega konsilanto d-ro d-ro Richard Schumann, prof. en la Teknika Altlernejo-Wien. La supre cititaj kontribuaĵoj jam de du jaroj dediĉis po kelkaj paĝoj al Esperanto. Tre grava afero, se oni pripensas la valoron de ĉi tiu eldonaĵo. Sed, kiel tre ofte en E.-rondoj, ne sufiĉe multaj personoj pripensis, ke tia aperaĵo nepre estu subtenota per abono, por ke ĝi ne malaperu. Mendu ĉe Gerlands Nachrichten, Wien, VI., Mariahilferstr. 91.

**Gvidlibreto por Japanlando.** Eldonita de Japana ministrejo de ŝtat-fervojoj Tokio. 1927. 102 pĝ., 37 ilustraĵoj, 9 landkartoj.

La unua fervojministrejo, kiu eldonis tiajn gvidlibrojn, estis la iama imperiestra aŭstria. Jam antaŭ la milito aperis sur bela papero kaj en belaj kovriloj „Pejzaĝoj en Aŭstrio", 118 pĝ., 90 fotografaĵoj; „Vojoj por vojaĝoj en Aŭstrio", 64 pĝ., 60 fotog. kaj „La novaj fervojoj tra Aŭstriaj Alpoj", 74 pĝ., 64 fotog. Nun ankaŭ la Japana ministrejo eldonis vere belan, eksterordinare interesan libron, kiu donas ĉiujn al vizitonto necesajn informojn sed certe ege interesos la aliajn, kiuj ne povas permesi al si la luksan vojaĝon al tiel malproksima lando. Ni danku al la ministrejo, ke ĝi ekkoninte la propagandvaloron de Esp. eldonis ĉi tiun libron kaj gratulas al Japana E.-Instituto, kiu tradukis ĝin, al ĉi tiu sukceso.

Steiner.

**Kuracistoj, farmaciistoj, medicinstudentoj** ĉu vi scias, ke ekzistas Tutmonda E.-Kuracista Asocio kun propra bonega jurnalo? Skribu pro provnumero al red. d-ro Briquet. Lille, Francujo, 31, rue de la Bassée kaj aliĝu!

**Granda vortaro!** Plena Japana E.-vortaro de T. Chif estas eldonita de Japana E.-Asocio. La vortaro estas 1700 paĝa kaj enhavas pli ol 65.000 vortojn.

(Laŭ „Esperanto en Nipponlando".)



## Deficito de la XVIa.

En K. R.-kunsido en Danzig AED. prenis sur sin la respondecon pri la korekta kaj ĝusta uzo de la donacitaj sumoj. Sekve ĝi komisiis siajn membrojn, s-rojn Klein kaj Werner, kontroli la ĝisnunan kasraporton kaj daŭrigi ĉi tiun laboron ĝis forigo de la deficito. La dua bilanco, kontrolita de s-roj Ĉech, Hoschek kaj Szekely, estis dissendita komence de 1926 kaj montris la ŝuldsumon da aŭ. Ŝ. 13.273·05

| | | |
|---|---|---|
| „Novaj aktivoj" laŭ dua bilanco ne realiĝis pro nepago, tial altiĝas je . . . . . . . . | | „ 1.029·40 |
| | sumo | . Ŝ. 14.302·45 |
| Novaj donacoj: | | |
| Kolekto dum XIX. | Ŝ. 527·55 | |
| Venditaj kuponoj en Aŭstrio . . | „ 380·— | |
| Donacoj . . . . . | „ 187·32 | „ 1.094·87 |
| Nuna deficito 15. IX. 27. . . | | aŭ. Ŝ. 13.207·58 |

Bilanco:

| | pasivoj | aktivoj |
|---|---|---|
| Hollinek . . . | Ŝ. 8.020·— | |
| Manyas . . . . | „ 240·— | |
| LKK.-anoj . . . | „ 5.427·35 | |
| Kasa saldo . . . . . . . . | | Ŝ. 479·77 |
| Deficito . . . . . . . . . | | „ 13.207·58 |
| | aŭ. Ŝ. 13.687·35 | aŭ. Ŝ. 13.687·35 |

La kontrolantoj: A. Klein, E. Werner.

Por Aŭstria E.-Delegitaro:
Steiner, prez.; Bernfeld, ĝen. sek.

**Ĉefaĵo mankas.** Aviadisto al sia kolego: „Kiam vi bonŝance estos fluginta trans la oceanon al Paris, oni solene akceptos vin kaj laŭvice ĉirkaŭbrakos kaj kisos vin prezidanto Doumergue, ĉefministro Poincaré, amerika ambasadoro Herrick, marŝalo Foch — — —."

La dua aviadisto: „Diru do, amiko, ĉu en Paris ne ekzistas virinoj?"

(Esp.-igis Peter-Bisamberg.)

**Anekdoto:** Sinjoro renkontas sur strato blindan almozulon kaj demandas lin, kiom da tempo li jam estas blinda. „Ho, sinjoro," la blindulo respondis, „mi jam estis blinda, kiam mi ekvidis la lumon de la mondo."

(Trad. Mündl-Wielersdorf.)

## Außerordentliche Versammlung

der Esperantisten aus Wien und Umgebung zur Besprechung wichtiger Organisationsfragen. Festsaal im Magistr. Bezirksamt, Wien, IV., Schäfferg. 8, am 22. Oktober, 7 Uhr abends. **Jeder komme!**

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO
Bisamberg bei Wien 248.

**A. E. D.**-estrarkunsidoj okazis la 2. kaj 27. sept.

**E. D. W.**-kunsido okazis la 8. okt. Nova estraro: Zimmermann-prez., Werner-sekr., Hofrat Klečka-kas.

### Ŝtata ekzameno!

Sinanoncoj estu sendotaj al la direktoro de la ekzamenkomisiono, Wien, I., Burgring 9, ĉambro 53 ĝis 22. okt. La skribaj ekzamenoj komencos la 7. nov., je la 8 h., en Bundeslehrerinnenbildungsanstalt, Wien, I., Hegelg. 14.

---

**Bisamberg:** La 29. sept. parolis ĉefinspekt. Steiner kaj la 3. okt. komencis tie kurso. Gvid. Schulrat R. Peter.

**Eggenburg b. Graz:** Parolis d-ro Friedl al la lernantinoj en la monaĥinejo kaj anoncis sin 25 infanoj al kurso, kiun gvidos fratino M. Amanda.

**Graz:** E. Soc. p. Stirio aranĝis la 8. okt. familian festkunvenon, pri kiu ni raportos. Vidu ankaŭ la artikolon pri la granda sukceso ĉe Graz-a foiro kaj skribu en E. dankkarton al la lasta.

**Korneuburg:** La 26. sept. parolis s-ro Smital en „Volksbildungsverein". Kurso komencas la 13. okt. (D-ro Altrichter.) La 6. okt. komencis kurso en la knabina- (34 ptp.) kaj la 8. en la knaba lernejoj (25 ptp.). Ambaŭ kursojn gvidas ĉefinspekt. Steiner. Lernejinsp. Reg.-Rat Schatzl estu dankata pro siaj koncernaj klopodoj.

**Krems:** Du kursoj (f-inoj Prokopp kaj Lustig). Ĝen. kunsido la 14. okt.

**Linz:** Pri la grava sukceso en „Volksfest" vidu apartan artikolon.

**Salzburg:** Vidu sciigon pri sukceso ĉe la polico.

**Stammersdorf:** Kurso en burĝlernejo (45 ptp.) gvid. fakinstruisto Schneider.

**Wien:** En 24 klasoj estas nun instruata E. kiel nedeviga fako. Ni raportos pri la detaloj en la nov. numero. **Danubio:** Dum la somero vizitis la grupon multaj samideanoj el diversaj landoj. **E.-Org. de Ofic-havantoj:** Lumbildparolado la 19. okt., je la 7 h en la festsalonego de la magistrata domo 4. Schäfferg. 3; **Kat. Unio E.:** La 25. sept. estis bone vizitata diservo kun prediko de prez. p-ro Nedwid; ptgm. en Steindlg. 6 okazis kunveno por festi St. Hildegard-on, la patrinon de la kat. esp.-istoj, en kiu p-ro Nedwid faris edifan paroladon. F-inoj Tomaschek kaj Bayer plibeligis la aranĝon per bona deklamadoj. Kurso ĉe kat. popolunio, 8. Piaristeng. 43, kiel preparo al ŝtata ekzameno (gvid. Smital).

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**Tagblatt-Bibliothek-Wien:**

**„Humoro de l' mondo"** de d-ro Pfeffer. n-roj 541/2. Prezo 80 g.

Prava estas la opinio de l' aŭtoro, ke amuzante la lernanto rapide progresas en la scipovo de fremda lingvo. Sed la tre varia enhavo de l' libreto kontentigas ankaŭ la legantojn, kiuj ne serĉas ekzercilon. Ĝi alportas por ĉiu ion interesan kaj certe plenumos la deziron de l' verkinto, ke ĝi estiĝu instigilo en la ekzercvesperoj de niaj grupoj. La tre rekomendinda libreto dezirigas, ke baldaŭ sekvu aliaj en la E.-serio de Tagblatt-biblioteko.

D-ro Altrichter-Korneuburg.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Aŭstralio, lando kaj popolo,** originale verkita de A. Delsudo kaj Lauri Laiho; 1927; 21·5 : 14·5 cm; 93 pĝ., 31 tutpaĝaj fotokliŝaj ilustraĵoj kaj 1 praktike elfaldebla geografia karto; bind.; prezo: Ŝ 11.—.

La plej bona E.-eldonejo prezentas sian plej novan, plej elegantan, kaj eble plej interesan E.-libron! Se tiu ĉi oranĝoruĝa fanfaro ne vekas la esperantistaron el ĝia hieraŭeco, ĉiu penado proama estas perdata nur. De la du aŭtoroj unu estas Finno, la alia enlandano. Impresoj de neŭtrala observanto do kuniĝis en la verko kun aŭtentikaj scioj. D-ro J. Dietterle kaj Bernhard Kötz pri lingvoteknikaĵoj zorgis. Do la certe interesa temo estas traktita tiom perfekte, ke nenio restas dezirinda ol, ke la verko modela estu disvastigata (precipe inter geinstruistoj!) kaj propagande diskonigata, por ke ĝin baldaŭ sekvu amase similaj. Tio certe okazos, ĉar ĝi rekomendas sin mem, ne — ĝi entuziasmigas cerbon modernan, flamigas koron, kiu nur iom amas nian belan teron kaj la sunon eternan super ĝi. Enkonduku tiajn librojn en ĉiujn mezlernejojn kaj la generacio de morgaŭ estos konforma al la bezonoj de l' tempo moderna. En nia literaturo la firmo Hirt metis mejloŝtonon per la verko: Komenciĝis la epoko praktike entnografio. Walter Smital-Wien.

**E.-Lehr- u. Lesebücher: E.-Wörterbücher.** Du broŝuroj po 16 pĝ. enhavantaj recenzojn pri la eldonaĵoj de la firmo.

**„Was der Gebildete über E. wissen muß",** 8 pĝ. flugfolio kun gramatiko kaj vortareto.

**Rud. Mosse-Berlin:**

**La kapitanfilino.** Romano de A. S. Puŝkin. El la rusa trad. M. Ŝidlovskaja. N-oj 15–17. Prezo: Rm. 1·50.

La eldonaĵoj de Mosse evidente pliriĉigas nian literaturon per bonegaj libroj. Jen ankaŭ la romano de l' famekonata rusa poeto Puŝkin aliĝas al la serio de distinge elektitaj verkoj de Bibl. Tutm. Leo Tolstoj nomis ĉi tiun historian romanon, skribitan en formo de

memuaro, „la plej alta pinto de la tuta verkaro de Puŝkin". Ĝi pritraktas epizodon el la rusa historio, koncernanta la ribelon de Pugaĉov en la gubernio apud Volgo, en la 18-a jarcento. „Gardu nin Dio, vidi rusan ribelon, sensencan kaj senindulgan!" diras la aŭtoro. Tian ribelon do li rakontas. Kun vera, kvazaŭ plastika arto li prezentas en ĝi kun admirinda klareco kaj per simplaj vortoj la historiajn okazintaĵojn, morojn, karakterojn kaj kutimojn de rusaj homoj el la tiama tempo. Kvazaŭ en bildo la tuta epoko reviviĝas antaŭ la okuloj de la leganto. La travivaĵoj de juna Petro Andreiĉ, lia amo al la bonkora Maria Ivanowna, pro kiu la junulo oferas sian liberecon kaj estas en danĝero riski eĉ sian vivon, estas la ĉefa ago de la romano. Maljuna servisto prezentas al ni klasikan kaj efektive kortuŝan modelon de humilega fideleco al sia sinjoro. La perfekta tradukintino estas en nia literaturo jam bone konata. Ankaŭ ĉi tiun verkon ŝi bonege tradukis kaj prezentis al ni flue legeblan stilon. Nur iom tre ofte nenecese uzata prepozicio „je" ne estas tute plaĉa. D-ro Sós.

Esperanto-Katalogo, julio 1927.

**„Esperantista Voĉo", Jaslo (Pollando):**

**Nadina Kolovrat**: Teorio pri evolucio de kono. Prezo sv. fr. —.50.

Tiu en 1909 aperinta verko estas nun vendata de la nomita eldonejo. La interesa kaj bonstila verketo pritraktas la socialan rolon de religio kaj de plastikaj artoj, la socialan rolon de la scienco kaj la socialan rolon de la industrio. H. Sirk.

**A. Paolet, S. Vito al Tagliamento:**

**„Tra la Franciskana urbo Assisi"** de Stefano de Carolis O. F. M. Prezo Lir. 2.—.

Ilustr. gvidlibreto, zorgeme ordigita, donas priskribon pri la grandioza baziliko de S. Francisko, la Franziskana monaĥejo, Chiesa Nuova, kie la sanktulo naskiĝis, kaj preĝejeto Porziumcola, kie li mortis.

Jam delonge Assisi estas la celo de la pilgrimuloj kaj por tiuj la libreto nepre estas rekomendinda D-ino Flasch-Wien.

**Sennacieca Asocio Tutm.-Paris.**

**„Ŝtato kaj Revolucio"** de N. Lenin (V. Uljanow), 150 pĝ. 1926. Prezo Rm. 1.— kun sendkostoj.

Per subtitolo „Marksisma instruo pri la ŝtato kaj taskoj de l'proletaro en revolucio" Lenin mem difinas la celon de ĉi tiu libro, kiun li verkis en aŭgusto kaj septembro 1917. Li en ĝi almilitas la „fluon de socialŝovinismo regantan en la oficialaj socialistaj partioj de l'tuta mondo" kaj precipe li sin turnas kontraŭ Kautsky, kiu laŭ Lenin kripligis la veran instruon de Marx. Lenin per ĉi tiu libro antaŭ ĉio celas „restarigi la veran instruon de Marx kaj Engels". Tre ofte oni trovas citaĵojn el la fame konata verko de Fr. Engels „Origino de l'familio, de l'privata posedaĵo kaj de l'ŝtato". Tiujn citaĵon Lenin prenis el la germana originalo kaj tradukis ilin rusen. La tradukinto G. Demidjuk esp.-igis ilin kaj ŝajnas, ke la malfacileco devenas ankaŭ el tio, ke ili estis dufoje tradukataj. La aŭtoro turnas sin ne kontraŭ la burĝaj partioj, sed kontraŭ la socialdemokrataj. Kiu volas ekkoni la radikojn de interfrata militado en la laboristaro, tiu legu ĉi tiun librou! R. Hein-Hohenau.

**Sudslava Esperanto-Servo, Zagreb:**

**Aleksandro Drozdov**: „Krucumo". El rusa lingvo trad. N. Hohlov. Prezo S —.65.

Pri la tradukota materialo el nacilingva literaturo oni lastatempe multe diskutadis kaj polemikis. La opinioj kaj la personaj deziroj ĉirilate estas tre malsamaj. Iuj rekomendas nur klasikaĵojn, aliaj preferas modernajn verkojn, eble por ne montriĝi malprogresemaj. Certagrade ili pravas ĉiuj, premise, ke la elektita originalo estas altvalora kaj la traduko konforme senriproĉa.

Per la broŝureto „Krucumo" samideano Hohlov prezentas al ni ekstreme modernan rusan verkiston, kiu uzas lingvon propre originalan, preskaŭ tute individuan, kies karakterizajn nuancojn la tradukinto klopodis redoni plejeble fidele per Esperanto. Jen eksperimento iom danĝera, kian povas riski tradukanto lerta kaj lingvosperta, kia estas Hohlov. Sed eĉ al tia povas facile okazi kelkiu lingva akcidenteto, kion pruvas ĉi tiu certe bonega kaj nepre, ankaŭ laŭenhava, tre interesa laboro. Oni evitu la senelektan kaj arbitran enkondukon de neologismoj, ĉar ili ofte malklarigas la sencon kaj konfuzas la legantaron. Mi ekzemple mem ne komprenas kelkajn vortojn kaj de kelkaj aliaj mi nur konjektas la signifon. Tamen mi konsideras kaj rekomendas ĉi tiun verkon kiel gravan kaj altvaloran pliriĉigon de nia literaturo. Fr. Zwach-Wien

**Aliaj:**

**Jarlibro** de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, 1927, prezo 2 fr. fr., enhavas la regularon kaj la liston de la L. K.-anoj kaj aldonon „Pri landnomoj".

**Prediko.** okaze de XIX. E.-Kongreso farita en la preĝejo de Sankta Marien en Danzig, estas bele presita sur 8 paĝoj. Mendebla de la predikinto pastro Bernh. Loesche, Leipzig, Mozartstraße 8. Prezo Rm. —·50.

**Raporto de la aerologia observatorio de Tateno.** N-ro 1, 1926, 213 pĝ., 30:22·5 cm, kun 10 tabuloj (geografia karto, situ- kaj konstruplanoj, kliŝoj) kaj tabelo pri preseraroj. Prezo ne montrita. — Por la granda publiko leganta tiu ĉi verko ne estas destinita, ĉar ĝi traktas ne ĝenerale interesan pure sciencan aferon. Tamen ĝia apero estas notinda kiel grava fakto laŭ propagandista vidpunkto: Ĝi pruvas, ke japanaj sciencistoj vidas en E. fidindan interkomprenigilon tutmondan. Ĉu

alie ili eldonus tian verkon en E.? — Bedaŭrinde tiu unua provo ne tute sukcesis: La unua konstato de por E. varbota fakulo estis, ke li ne povas kalkuli laŭ tiaj tabeloj, ĉar li ne havas asistenton por korekti 185 cifereraroj n. (Sur unu sola paĝo estas eĉ 13!) Eŭropaj sciencistoj estas kutimitaj al pli zorga kompilo de sciencaj helpiloj. La multaj eraroj en la tekstoj ne tiom ĝenas iom spertan E.-iston. Tamen ni danke rekonu la kuraĝan faron de niaj orientlandaj s-anoj. Pri pli taŭga sekvonta volumo ni senrezerve ĝojegos!

Walter Smital-Wien.

**Komerca Junularo.** Organo de „Komercista E-ista Junulara Unuiĝo", ciklostilita, 4 paĝa. Provnumeroj de Maller, Wien, XVII., Hauptstraße 58.

**Verda kruco.** verkfolioj de Esp.-tabakkontraŭula asocio, ĵus aperis. Informojn ĉe la asocio, Wien, I., Judenplatz 2.

**XIV. Kongreso de Kataluna E.-Federacio** 5.—7. junio en Soller (Mallorca) eldonis belan kongreslibron kun aro da bildoj.

**„Nova ekonomia politiko",** monata revuo pri monsistemoj, ekonomiaj kaj kulturaj aferoj, eld. A. Meissner, Frankenthal, Germanujo, jarabono Ŝ 3·50.

**Pri Laudnomoj.** Kokusaigo-Kenkiu-Ŝa, KK. Serio, Vo. III. No. I La vigla eldonejo faris propran eldonon laŭ la libreto de Akademio precipe por Japanoj.

**BES-a adresaro** (6 eld.) ĵus aperis. Tiu ĉi 46 poŝlibreto enhavas 500 adresojn de esp.-istoj el ĉiuj partoj de la mondo kaj ebligas per tio interŝanĝon ktp; havebla ĉe nia red. po Ŝ 1·— afrankite.

**Katalogoj pri E.-libroj:** 8ste Esperanto-Catalogus de Centrale Esp.-Boekhandel, S-Gravenhage, Bankastraat 2 a.

Esp.-Katalogo n-ro 10 de Sudgermana Esp.-Eld. Oskar Ziegler, Deisenhofen bei München.

**Wiesbaden, Germanlando.** Beleta gvidlibreto, 20 paĝa, luksa papero, belaj bildoj, agrabla poŝtformato; ĵus la ĝusta eldonaĵo por la dezirata celo. Mendu ĉe Urba oficejo por trafiko.

**Padova.** Gvidfolio, 6 paĝa kun 4 bildoj, eld de Nacia Estado por Turismo sub aŭspicioj de UEA.

**El Esperanto.** Propaganda broŝuro en nacia lingvo eld. de Sociedad Cubana Para la Propagacion de l' „Esperanto", Apartado 1324, Habana, Cuba, Ameriko.



**Solvo de la enigmo.**

Maro (aro da m = m-aro).

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete“, Sporgasse 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.

Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif“, bei der Triumphpforte, Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.

„Konkordo“, V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.

Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39, Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38, Mo (l); XV., Beingasse 22, Mi (me); XVI., Rückertgasse 9, F (v) je la 19 a.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.

Esp.-societo, „Danubio“, VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18—19·30 h.

Esp.-Bildungsverein „Supren“, VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.

Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

Esp.-societo „Fideleco“, Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.

Esp.-soc. „Kulturo“, XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Do (ĵ) 19·30 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.